


Año II (N.° 14)

# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núm. 2

FEBRERO 1950

Ruzafa, 7
VALENCIA
(ESPAÑA)

## ¿POR FIN?

**Los eternos pesimistas y desconfiados en la utilidad o aceptación del Esperanto repiten constantemente, a quien quiere oirles, que nunca podremos ver realizado lo que es sueño dorado de todo esperantista: la utilización oficial de la lengua universal.**

**Bien sabemos que no será cuestión de pocos meses, ó de pocos años, el que se establezca la enseñanza obligatoria del Esperanto en las escuelas y universidades. Aunque parezca mentira, en este aspecto de la cultura, es la masa quien conduce a los directores, y no lo contrario, como parecería lógico.**

**Cuando, pasados los años, la gente se pare a considerar el tiempo que se haya tardado en usar oficial y obligatoriamente el Esperanto, como idioma auxiliar, formará una idea bien pobre de la mentalidad de las clases llamadas cultas y, sobre todo, de las autoridades académicas, que son las llamadas a utilizar prontamente todo adelanto beneficioso y práctico en la esfera del saber humano.**

**Sin embargo, poco a poco, la verdad se abre paso entre un laberinto de obstáculos. Hoy son ya pocos los que se atreven a declararse enemigos de la idea de un idioma auxiliar internacional. Cada día son más numerosos los cursos de Esperanto en las escuelas y universidades de importantes poblaciones de Europa y América; cada vez son más numerosos los servicios de transporte y comunicación que se benefician con el uso práctico de la genial creación del Dr. Zamenhof; cada vez son más numerosas las publicaciones científicas y literarias que usan, con acierto y con éxito, este idioma de todos, y, finalmente, son ya las esferas oficiales las que, ante la evidencia de los hechos, tienen que aceptar y reconocer la existencia, la razón y la utilidad del Esperanto.**

**Repetidas veces, en esta Revista, hemos consignado la marcha progresiva de nuestras ideas hacia la conquista de los pueblos y de sus gobiernos. Hoy tenemos que reseñar en primera página, y con todo honor, un paso gigantesco en esa progresión: la mismísima ONU ha editado en Esperanto su Declaración de los Derechos del Hombre, en una tirada magna de muchos miles de ejemplares, a cuyo objeto encargó oportunamente la traducción a la Asociación Esperantista de Norteamérica. Con ello, este supremo organismo ha reconocido la utilidad del Esperanto y ha marcado una pauta a quienes todavía no se han dado cuenta de que el actual caos lingüístico no tiene razón de ser.**

**Cuando tal organización, formada por eminentes y políglotas diplomáticos, recurre a una medida tan lógica, creemos, con fundado motivo, que en su decisión ha pesado, más que la utilidad inmediata del gesto, el convencimiento de que ese es el buen camino para acabar, más pronto o más tarde, con el embrollo idiomático que, hasta para ellos, constituye una pesadilla que ha llegado a ser insoportable.**

**Se la movon oni pruvas per movo, ni devas pruvi la ekziston de nia movado, la vivon de nia bela idealo, per vigla elmontro de la vasta reto de agrabla eksterlanda korespondado, kaj per tiu alia plej efika kaj, tamen, facila rimedo praktiki la lingvon, en flua sinsekvo, kiam esperantisto parolas kun esperantisto.**

# YA VUELVEN A SONAR LOS CLAROS CLARINES...



La Federación Esperantista Española airea su propaganda, sale a tierras de Cheste, prepara sus huestes, y el domingo 22 de Enero, un día frío, desapacible, infrecuente en estas latitudes, irrumpe en dicha población. Expresión gozosa a nuestra llegada en los semblantes de los que nos esperan, saludos, abrazos, caras conocidas y, primera sorpresa, una nutrida representación de la juventud de Cheste, con preponderancia femenina, avanza hacia nosotros y nuestro gozo sale de punto al observar que unos pequeñuelos pugnan por abrirse paso, entre los mayores, para saludarnos en Esperanto: Kiel vi fartas?, me dice un avispado niño de unos 6 a 7 años, cual veterano conocedor de nuestros modos, se sitúa a nuestro lado y, con el inquieto proceder infantil, nos hace multitud de preguntas; otro menos audaz se acerca y abriendo desmesuradamente los ojos, con admiración, su mirada salta de unos a otros, avizorando la palabra ajustada a sus conocimientos; y así, tras la inusitada sorpresa por el cálido recibimiento, nos tomamos un pequeño descanso, haciendo a continuación unas visitas a los lugares notables; y por doquier, gente que con sencillez campesina nos saluda en Esperanto. Mediodía. Ya estamos en el teatro, un espacioso y hermoso local, como corresponde a un pueblo culto. No me es posible, por la brevedad a que tengo que someter esta crónica, que pueda dar la impresión inenarrable de todo lo vivido en unas horas en este magnífico Cheste, avanzadilla del Esperanto hispano. El acto comenzó a teatro lleno, dando la sensación de estar viviendo un día de gran gala. Nuestra salida a escena representó la fervorosa y espontánea puesta en pié de todo el público, que reflejaba con su actitud un verdadero amor a nuestra causa. Presidió el culto y distinguido alcalde de la localidad, don Aurelio Cortés. Habló en primer término el esforzado paladín del movimiento esperantista en dicha villa samideano Francisco Máñez, quien con palabras enfervorizadas señaló el renacer del Cheste esperantista; luego tomó la palabra el prestigioso médico valenciano y gran esperantista Dr. Herrero, que con gran dialéctica derramó sobre el auditorio toda una lección de esperantismo. Después, el antiguo y distinguido samideano Ricardo Quiles leyó unas cuartillas en nuestro querido lenguaje, que el público escuchó con deleite, y en último término el poeta de la palabra samideano Luis Hernández, con inspirados párrafos, elogió a Cheste y sus bellas mujeres. Finalmente se cantó el himno esperantista, honda emoción recorría el ambiente; desde mi posición del escenario oteaba cómo varias mujeres, con el pelo blanco y el porte campesino, hieráticas, con la llama fanática en sus ojos de amor a nuestra verdad, cantaban y daban tales modulaciones emotivas a su voz, como quien conoce de sobra el significado espiritual de nuestro himno. Con vítores y aplausos se cerró el acto. Más tarde un banquete, presidido por la primera autoridad edilicia, discursos y alegría. Ya anochecido, de vuelta a nuestros lares, dejamos atrás el elevado campanario de Cheste, vigía de toda la comarca, que con señorial y mayestática altivez parecía dar fe, con su presencia, de la firmeza de nuestro ideal.

**DR. FEDERICO POVEDA (Valencia)**

EN SABADELL.—(Crónica del entusiasta samideano Sebastián Chaler, de Tarrasa).— Una nueva estrella verde brilla en el cielo español de Esperanto. El 22 de Enero tuvo lugar en la industriosa ciudad de Sabadell un acto de propaganda con motivo de la inauguración de curso en la recién fundada Sección Esperantista de la Sociedad Excursionista «Mar y Tierra». Como oradores actuaron los conocidos samideanos Jaime Viladoms, de Sabadell; Federico Pujolá, y Delfí Dalmau, de Barcelona; Sebastián Chaler y Mariano Solá, de Tarrasa. Mas de 100 asistentes aplaudieron a los oradores con gran entusiasmo y 40 alumnos se inscribieron para el nuevo curso de Esperanto.

# DISVOLVO DE LA RACIO

Jen kio estas unu el niaj unuaj devoj, ĉar la racio estas kvazaŭ freŝa floro, kiu, se bone kulturita, kreskas facile; iom post iom ĝi disvolviĝas, ĝis fine ĝi akiras la necesan perfektecon.

Neniam estas tro frue por enradikigi, ĉe la freŝaj animoj de gejunuloj, la moralajn sentojn de la racio, ĉar ĝi instruas nin en niaj agoj kaj inspiras nin en niaj virtoj. De la plej frua aĝo, la homo jam havas, gravuritaj en sia koro, la principojn de la bono; principoj tiel simplaj kaj klaraj, ke ili sin anoncas mem, kiel la lumo de la tago.

La gepatroj devas sin dediĉi al la instruado kaj edukado de siaj gefiloj, tiel frue, kiel ĉi tiuj povas ilin aŭskulti. La edukado devas komenci ekde la plej freŝa aĝo; kiam la naturo estas fleksebla, tiam oni devas guverni kaj direkti ĝin. Poste, kiam la junuloj sin dediĉas al la metiaj laboroj, ankaŭ estas momentoj oportunaj por la propra klerigo. Eĉ dum la meza perioda ŝanĝiĝo de la sezonoj ,eblas okazoj por intelekta kulturado. La vintro havigas liberajn horojn al la junaj kamparanoj; kaj la somero ebligas utilajn studojn al la junuloj de la grandaj urboj, dum iliaj someraj ferioj aŭ post la ĉiutaga laborado. Volo estas povo!

**J. MOLINA BOLINCHES - Alginia de Alfara (Valencia)**

# SCIENCA DISKONIGADO

de *Doktoro E. Tudela Flores* - (*Valencio*)

La tuta homaro scias, ke la tifoida febro estas gravega malsano, kiu, ordinare, invadas la gejunulojn pli ofte ol la infanojn kaj la gemaljunulojn, kaj ke ĝi mortigas 10 %, aŭ pli, el la malsanuloj.

La tutmonda kuracistaro laboradis senĉese por eltrovi kuracilon per kiu efike ĝin kuraci. Sed, bedaŭrinde, la multegaj medikamentoj jam uzitaj taŭgis nur por kuraci la komplikaĵojn, tiel oftajn, de tiu malsano.

La kuracistoj, ĝis nun, rigardadis pasive la malsanulojn, tagon post tago, kiuj, en la plej favoraj kazoj, kuŝadis surlite kvar, kvin aŭ pliajn semajnojn; dum kiuj, pro la ekskrementoj kaj aliaj ekskrecioj, la danĝera malsano etendiĝis.

Feliĉe, antaŭ ne longe, Erlich, Berkholder kaj pliaj kunlaborantoj trovis sur kamparo, apud Caracas (Venezuelo), mikroorganismon nomatan *Strefatomices Venezuelæ* el kies kulturado oni eltiras *Kloromicetinon,* ege efika kuracilo kontraŭ la tifoida febro kaj aliaj gravaj malsanoj; ĉar estas jam konata ĝia ĥemia formulo, oni preparas ĝin sinteze.

Fine de la jaro 1948ª venis en Hispanion la unuaj raportoj pri la revolucia eltrovaĵo; kaj, malgraŭ la malfacilaĵoj por akiri la mirindan kuracilon, dum la jaro 1949ª kelkaj hispanaj malsanuloj tre rapide resaniĝis dank' al tiu nekomparebla antibiotika kuracilo.

Mi mem kuracis tifoidan febron en kazo, pri kiu suba grafiko montras, pli elokvente ol vortoj, la efikon de la *Kloromicetino.*




Ne estas, do, stranga mia entuziasmo. Dum 30 jaroj, mi kuracis multajn kazojn, kaj bedaŭris, kiel ĉiuj aliaj kolegoj, senefikecon de la kutime uzataj kuraciloj, ĉar, post longa suferado kaj grandaj elspezoj, kelkaj mortis, aliaj suferis komplikaĵojn, kiuj jen daŭris laŭ tuta vivo de tiuj malfeliĉuloj aŭ jen ili estis operaciataj pro tio. La plej bonsortaj, post longa resaniĝado, povis, daŭrigi denove siajn ĉiutagajn okupojn.

Kiom da laborhoroj perditaj ĉe la tifoiduloj! Benata estu, do, tiu *Kloromicetino,* kiu forviŝos tiom da larmoj ĉe la homaro!

Sed... haltu! Tiu vere mirinda kuracilo, almenaŭ en Hispanio, ankoraŭ ne ekzistas en la apotekoj. Nur ĝi esas akirebla ĉe la *nigra borso,* kie, komprenéble oni ne ĝin donacas.

Jen, do, kuracilo nepermesata por la malriĉuloj, kiuj verŝajne ne povas sperti la progreson de la Scienco. Tre bedaŭrinde, ĉu ne?

En la Sudo, iom post iom, la frosto cedas nun kelkajn gradojn el sia rigora malvarmo. La glacio fandas siajn kristalojn, kiuj aspektas kiel pecoj de rompita spegulo, sub hela bluo de la ĉielo. Kiam ne blovas fora vento, la sunaj radioj, arogantaj aŭ sufiĉe fortaj, kvazaŭ fajraj pingloj, trapikas la neĝon, kiu jam ekdegelas... En la mondo de la arbaro, heziteme reaperas la unuaj koloroj; estas ĉie perceptebla la subtera preparado al la perioda transformiĝo de la tuta naturo. La radikoj vekiĝas, kaj avide ili suĉas la nutrajn substancojn el profundaj tavoloj de la tero. Nova suko cirkulas, sekve, tra la trunkoj de la arboj; freŝaj rebriloj aperas tie kaj tie, sur la ŝelo de la branĉoj, ĝuste mem ĉe la punktoj, kie poste ŝprucos fasko da folioj, tuj ĉe la unua voko de l' printempo. Tro impulsemaj, tamen, sen pacienco por atendi ĉi tiun vokon, la graciaj petolemaj migdalarboj jam kokete sin ornamas per mirinda erupcio da burĝonoj kaj belegaj rozkoloraj florbutonoj. Jes, jes, karaj kamaradetoj, koboldoj kaj gnomoj en la densaj arbaroj de la nordaj landoj, ne miru aŭ grimacu skeptike; ateston mi donas al ĉiuj, ke la signoj anoncantaj pli mildan veteron estas evidentaj, ĉar ankaŭ mia sango bolas kaj petolas: ne tiel bele, jes, ne tiel bele, nek tiel poezie, kiel tiu de la migdalarboj, sed alia erupcio jus ornamis mian korpon per disa kolekto da aknoj kaj furunkoj: unu el ili tie mem ĉe la pinto de la nazo... Nu, troas ja la babilado! Privataj zorgetoj ne estu preteksto por iel neglekti la taskon legi kaj rakonti pri la ĉefa enhavo de niaj gazetoj, kiuj admone min rigardis, dum senĉele mi skribadis pri nuancoj de koloroj. Decas do plej diligente tiel tuj komenci:

RIO ESPERANTISTA venas honorplene en la unua vico; ĝi estas organo de la samideanaro de Río Janeiro, la belega ĉefurbo de Brazilo, revata fantazia lando, kiu laŭ tuta sia amplekso estas ĝardeno kaj paradizo... Eĉ mi mem, logranto de bela arbaro, sopiras al ĝi kaj pensas altestime pri la tieaj geamikoj. Unu el ili, sinjoro Souza Almada, en Santos, estu celitaĵo de mia simbola saluto; liaj afablaj vortoj venis al mi kvazaŭ transmara kareso portata de hirundo frutempa. En la gazeto, oni aklamas pri la 12ª nacia kongreso, kiu estis granda sukceso; ĉu vere fariĝas fakto la projekto de monumento al D-ro Zamenhof en Belo Horizonte? Denove en Eŭropo, mi salutas la gazeton de U. E. A. kies nomo ESPERANTO estas krio kaj flago. Frontartikolo de ĝia prezidanto, S-ro E. Malmgren, jene jen komenciĝas: «Ĉu la Esperanto-movado nuntempe perdis sian idealismon? Ĉu la esperantistoj fariĝis teknikistoj kaj komercistoj, kiuj pensas nur pri la racio? Ĉu la belaj oratoraĵoj, dum antaŭaj kongresoj, jam definitive ĉesis, por esti anstataŭataj de sobra resumo pri atingitaj rezultoj?» Tiuj demandoj povas veki polemikojn, sed ili estas tre interesaj. En aparta rubriko, oni raportas pri la kreskanta reviviĝo de nia lingvo en Hispanio. Sekvas en la listo SVISA ESPERO, tre akurata kiel bona horloĝo; kaj, kiel klaraj devizoj de tiel simpatia kolego, taŭgas ĉi tiuj frazoj, kiujn mi ĉerpas el la centra artikolo: «Se neniu sin oferas, nenio povas kreski.» «Se neniu komencas, neniu ja povas fini.» Kortuŝa estas la legado de kelkaj leteroj, kun dankesprimoj pro pluraj ricevitaj medikamentoj, pere de la Internacia Helpservo, kiun funkciigas la svisaj samideanoj. De Germanio venas tiuj tri gazetoj: ESPERANTO-POST, kun vere bonegaj beletraj fragmentoj; LA PONTO, kun tre oportunaj informoj pri la landa movado; kaj LA ĜUSTA VOJO, kun moralaj instruoj tre interesaj por la katolikaj esperantistoj. Nederlando, kiel ĉiam, sukcese konkurencas per dika kvanto da reprezentantoj: Tre loga kaj plaĉa estas LA JUNA VIVO, vera frandaĵo por la esperantistaj gejunuloj; krom utilaj specifaj rubrikoj, ĝi prezentas mallongajn literaturaĵojn; sed kelkaj el ili estas vere valoraj. Nia senlaca amiko Régulo Pérez verkis koncizan priskribon pri la infana festo de la Reĝoj en nia lando... Jen la nova numero de LA VIVO, organo de Amikoj de la

# INTER LA PROZO DE LA ESPERANTISTA GAZETARO

# ESPERANTO EN LA ASTRONOMIO

## DU ASTEROIDOJ KUN ESPERANTA NOMO

En la elementaj lernolibroj oni klarigas, ke en la spaco inter la vojoj de la planedoj Marso kaj Jupitero ekzistas asteroidoj. Hodiaŭ oni konas preskaŭ mil sescent da ili. Tiuj ĉi malgrandaj planedoj (estas unu mezurante kvincent metrojn da diametro) bezonas nomojn. Unue oni nomis ilin laŭ mitologiaj herooj. Elĉerpitaj tiuj ĉi nomoj, la eltrovintoj alnomis la asteroidojn per nomoj eltiritaj el familianoj, amikoj, sciencistoj, sanktuloj, urboj, ŝipoj kaj eĉ hundoj. En Turku, (Finlando) laboras famkonata astronomo, eltrovinto de multaj kometoj kaj malgrandaj planedoj, mia bona amiko Dro. Yrjo Väisälä. Tiu ĉi sinjoro estas al mi duoble amika: astronome kaj esperante, ĉar li estas, krom klera sciencisto, fervora esperantisto. En nia korespondado, mi petis, ke li rememoru Dron. Zamenhof, kiam li alnomos ian malgrandan planedon ankoraŭ ne «baptitan». Dro. Väisälä amas tiel grandmaniere Esperanton, ke li sciigas al mi en jusa letero, ke li alnomis du malgrandajn planedojn: la numeron 1421, per la nomo ESPERANTO, kaj la numeron 1462 per la nomo ZAMENHOF.

Kun granda plezuro mi sciigas al la esperanta mondo la agrablan novaĵon, ke la famo de Esperanto, kaj de ĝia kreinto, eĉ atingis la ĉielon.



ANTONO PALUZIE-BORRELL
Bibliotekisto en la «Sociedad Astronómica de España y América», Barcelono

Homaranismo; estas kurioze konstati, ke plimulto de la enhavo konsistas el leteroj rekte verkitaj de ĝiaj legantoj mem; el resumo de la redakcio mi ĉerpas jenon: «Ni povas dividi la pioniran grupon por la homaranismo en du partojn: Estas parto, kiu ŝatas aranĝi familiajn rondojn por havi baldaŭ plej bonajn gvidantojn. Dua parto havas intereson disvastigi nian idealon inter ordinaraj gejunuloj, por atingi ilin kaj paroli kun ili.» MATENRUĜO estas ege simpatía kaj viveca eldonaĵo de la Societo «Esperanta Aŭroro» en Haarlem, la tulipa nederlanda urbo. Tiu gazeteto gastigas en siajn paĝojn la seriozan artikolon kontraŭ la reformemo, kiu aperis en nia Bulteno. Laŭ solena takto de klarionoj devus sin anonci la lasta numero de LA PRAKTIKO; ĝi aspektas bele, kvazaŭ luksa nacilingva revuo; ĝi estas vera propagandilo je dispono de lertaj samideanoj. Tutpaĝa fotaĵo, tre arta, prezentas du manojn en amika manpremo, simbolo de amikeco, kun granda terglobo, kiel fono. Tio impresas oportune por la sekvantaj paĝoj, kie aperas la kompleta teksto, en Esperanto, de la fama Deklaracio de Homaj Rajtoj, akceptita kaj proklamita de la Unuiĝintaj Nacioj. Ĉi tiu traduko estas mem, kiun prizorgis «Amerika Esperantisto» kaj kiun oni ĵus akceptis por disvastigado, pere de tiu supera Institucio. Sekvas kurioza kolekto da fotografioj: Veteranoj kaj blinduloj, dum la lasta Universala Kongreso; en la sama paĝo pompas agrabla, kvankam respektoplena, portreto de nia ŝatata portugala amiko Saldanha Carreira; poste, daŭre fluas raportoj, informoj, spritaĵoj k. t. p. LABORISTA ESPERANTISTO, organo de la nederlandaj laboristaj samideanoj, aperigas leteron de S-ro. G. Isbrucker, prezidanto de la Akademio, per kiu li respondas al kelkaj vortoj, tre pipre spicitaj, en artikolo «Ofenda Ignoro» pri freŝdata balotado, por novaj membroj de la Akademio, ĉar pri la senpartieco de tiu lasta voĉdonado estas ja kelkaj, kiuj «ankoraŭ dubas kun granda dubo», kiel asertas la kompetenta laborista samideano W. F. Kruit. HEROLDO DE ESPERANTO ankaŭ ne mankas en mia revuado, sed laŭ sciigo, kiun sufloris pasereto ĉe mia orelo, oni baldaŭ aranĝos omaĝon al ĝi en nia Bulteno, pro la malavara kaj dankinda ago, de S-ro Teo Jung, sendi senpage la gazeton al ĉiuj hispanaj esperantaj rondoj; sed pri tio pli poste...

Kaj sub la dolĉa impreso, ke en la idealismo ankoraŭ povas flori pli da idealismo, serene meditas kaj ĝentile al vi sin oferas

**LA LEGEMA KOBOLDETO**

# FACETAS DEL MOVIMIENTO ESPERANTISTA

● ALEMANIA.—El Director de Correos, de la Administración central occidental en Frankfurt A. M., recomienda al personal de Correos que aprenda el Esperanto.

«Alfa-Film-Produktion» está filmando las obras del famoso poeta alemán Wilhelm Busch; y lo hace en Esperanto, exclusivamente. El primer film es «Aventuras de un soltero». Se espera con interés esta primera producción.

● AUSTRIA.—En el edificio de la Dirección General de Correos y Telégrafos (Postgasse, 8 - WIEN) y organizado por la Unión Esperantista Postal y Telegráfica, se celebran cursos de Esperanto para los funcionarios de Comunicaciones.

La revista «Mitteilungen» publica con regularidad una sección Esperantista.

● BOLIVIA.—En Oruro se ha organizado un curso de Esperanto en la Universidad para trabajadores, junto con los estudios de sociología, filosofía, historia y economía. Este es un paso importante en los modernos estudios sociales.

● CHECOESLOVAQUIA.—El «Instituto de Esperanto-Servo» edita, a expensas del Estado, un boletín de propaganda de las facetas culturales del país. En el ejemplar de Mayo 1949, por ejemplo, se publicó la traducción del cuento de Jiri Marék «Parolas patrino» y un artículo biográfico sobre el compositor Bedrich Smetana, con ocasión del 125 aniversario de su nacimiento.

● DINAMARCA.—La oficina «Turistföreningen», de Copenhague (Raadhuspladsen, 55—KOBENHAVN—K) ha editado en Esperanto un interesante folleto para los turistas que han de visitar la ciudad. También la sucursal de Koge ha publicado en Esperanto su folleto turístico.

● FRANCIA.—El Inspector de Enseñanza, señor Paul Maureille, afecto al Departamento de los Pirineos Orientales, radió por la emisora de Perpignán-Roussillon una charla en pro del Esperanto, escuchada por miles de radioyentes.

Una prueba de la difusión del Esperanto entre la población escolar, está en que muchos periódicos de escuela tienen su «Esperanto-angulo; por ejemplo, «Ruche joyeuse», «La Voix de la Fôret», »Ohé tous».

También se están difundiendo las enseñanzas del Esperanto en las Escuelas Normales francesas; y últimamente han organizado cursos la de maestros de Besançon y Versalles, la de maestras de Toulouse y la mixta de Valence.

La «Confederación Mundial de las Fuerzas Culturales, Económicas y Sociales», en su reunión anual celebrada en París, tomó la resolución de trabajar por la introducción del Esperanto en las escuelas de todo el mundo.

● HOLANDA.—La «Unión Turística» de Groningen (ciudad universitaria holandesa), ha publicado en Esperanto un folleto ilustrado, con información y vistas de la ciudad y excursiones a los alrededores. Puede solicitarse gratis: S-ro. W. H. Mook-Nassauplein, 15 a GRONINGEN.

«The English Institute» (Parklaan, 37 - RUSSUM) ha introducido en su serie de enseñanzas lingüísticas un curso de Esperanto por correspondencia, en igualdad de condiciones a cualquier otro idioma en uso.

● INGLATERRA.—«The Foreing Office Language Society» (Sociedad Lingüística del Ministerio de Asuntos Exteriores), organiza cursos de Esperanto.

En la «Lymington Secondary Boys School», de Dagenham, desde hace doce años se enseña el Esperanto a sus escolares.

Con ocasión del XXIV Concurso Internacional de Ajedrez, celebrado en Hastings, el diputado del Parlamento inglés, señor Neil Cooper-Key, saludó a los participantes en Esperanto, siendo vivamente felicitado.

---

**Aprender el ESPERANTO es adquirir la independencia idiomática**

## NASKIĜO

*La 6an de Januaro naskiĝis dua filino al nia kara kaj altŝatata amiko, en la Kanariaj Insuloj, Juan Régulo Pérez, kies nomo tiel vaste konata estas, pro liaj bonegaj artikoloj, tra la paĝoj de la esperanta gazetaro. Tre bone ni komprenas la ĝojon, kiu nun regas en lia hejmo pro la bela donaco, kiun la cikonio portis por agrabligi la vivon de nia amiko. Flugu al li, do, ankaŭ, en ĉi tiu feliĉa okazo, niaj plej sinceraj bondeziroj kaj elkoraj gratuloj.*

## ESPERANTO DENOVE ANTAŬENIRAS

Mia filo Rikardo skribas al mi de Germanio, kien li vojaĝis kun sia patrino kaj fratinoj por resti en Munkeno, apud la maljuna avinjo, dum la ĉarma Kristnaskofesto.

Rikardo, universitata studento en la lasta kurso de Ĥemiaj Sciencoj, ĉerpas la konojn el hispanaj, germanaj, francaj, anglaj kaj rusaj verkoj. Sed li tamen konas intime miajn sentojn kaj aŭdis min ofte paroli pri ĉio, kion mi ŝuldas al Esperanto, kiu montris al mi rektan vojon por la studado de lingvoj vivantaj kaj klasikaj, al kiu mi ankaŭ dankas mian propran vivon, en dolora momento de nia amata patrujo, nia belega Hispanio.

Kaj apenaŭ li alvenis en Munkenon, Rikardo skribis al mi la ĉarman novaĵon: *en la Universitato de Munkeno oni lernas Esperanton*! Mia koro batis fortege kaj la tutan nokton mi sonĝis, kaj nun mi revas pri tio, ke ankaŭ iam oni enkondukos Esperanton en niajn universitatojn...

Kaj mi pensas pri tiu malproksima tempo, kiam mi instruis Esperanton, kiam mi kunlaboris en «Literatura Mondo», kiam mi publikigis dum jaroj ĉiutagan esperantan fakon en grava ĵurnalo de Bilbao, kaj kiam ĉiusemajne mi radioparolis en Esperanto por konatigi pri la literaturo, la historio, la arto kaj la vivo de nia paca kaj progresema Hispanio.

FELIKSO DIEZ MATEO
Salamanca.

## LA ROLO DE INSTRUISTO

### AL ĈIUJ HISPANAJ ESPERANTISTAJ GEINSTRUISTOJ

La homo estas ĉiam kaj ĉie speciala estaĵo, kiu tra landlimoj havas la samajn vivbezonojn; inter aliaj, estas tiuj komuniki al proksimuloj siajn sentojn, ideojn kaj dezirojn.

La plej bona komunikilo estas la parolo; la lingvo. Sed, tiom da lingvoj estas en la mondo, ke, kie estas homo kapabla lerni almenaŭ ĉiujn eŭropajn idiomojn?

Tamen, en ĉiuj landoj estas geinstruistoj, kies okupo estas instruadi pri ĉio al la estontaj mondcivitanoj. Kaj ni, esperantistaj, geinstruistoj, povas instrui universalan komunikilon al niaj lernantoj. Jes, almenaŭ al la pli aĝaj ni devas instrui la utilan kaj belan helpan lingvon Esperanto!

Mi sendas ĉi tiun alvokon al ĉiuj hispanaj esperantistaj geinstruistoj, ĉar mi kredas, ke multaj el niaj lernantoj akceptos plezure tiun sugeston, kaj ke ili volonte tuj korespondos kun samaĝaj lernantoj, precipe kun eksterlandaj gejunuletoj, kiuj estas estontaj civitanoj el ĉiuj landoj.

Kaj ni... ho, ni estos feliĉaj, se en tiu malfeliĉa mondo de militoj kaj atombomboj, ni povas labori iom pri la universalaj paco kaj amo. Car oni ne povas ami, kion oni ne konas, kaj oni ne povas koni, kion oni ne komprenas.

VICENTE PERLES MONCHO
(Membro 6.943 de U. L.)
Miraflor-Vergel (Alicante)

### NEKROLOGO

**Nia estimata kaj fervora samideano Fernando Boscá, profesoro de Natursciencoj, statas en granda aflikto pro la morto de sia patro, treege konata en la sciencaj medioj. Sciu nia kara amiko, ke nia kondolenco tute ne estas ia banala sinsekvo da vortoj, sed plej sincera atesto de niaj propraj sentoj.**

## ☆ LA LERNEJO

### CONSULTORIO LINGÜISTICO

**A. M. de Redondela.—En efecto, para los que ignoran que la J en Esperanto se pronuncia exactamente como nuestra Y, se les presenta el idioma internacional como algo duro y áspero a la vista. Pero tenga Vd. en cuenta que el único idioma en que la J tiene ese sonido, áspero y gutural, es el castellano, y el Dr. Zamenhof indudablemente no podía excluirla porque a los españoles nos pudiera parecer fea, probablemente ni se apercibió de que ello pudiese ocurrir. Se limitó simplemente a darle a la J el sonido que tiene en un idioma tan clásico como el latín, y en otro tan moderno y tan científico como el alemán. Agradecemos sus observaciones, y estamos seguros que cuando sus amigos le oigan leer algún párrafo de las cartas que Vd. vaya recibiendo se convencerán de lo agradable que es el Esperanto al oído por su gran semejanza de pronunciación con el italiano. Repetimos, pues, que la J en Esperanto se pronuncia exactamente como la Y en español.**

**J. BOSCH**

## *Libros recibidos*

*«BRULANTA SEKRETO KAJ ALIAJ RAKONTOJ», de Stefan Zweig, tradukitaj de K. R. kaj P. E. Schwerin. N-ro. 9 de la EPOKO-serio. Prezo: 3 ŝ. 9 p. afranko 3 p. Eldonita de «The Esperanto Publishing Company, Ltd.». pcgrande, ĉe «The Esperanto Publishing, Co., Ltd.»; podetale,, ĉe enlanda libroservo aŭ ĉe U. E. A.*

**La serie «EPOKO», editada por «The Esperanto Publishing Company, Ltd.», tiende a reunir una colección de interesantes obras para distracción del esperantista; pero la realidad es que la traducción de obras, como la que se reseña, no implica una tendencia a distraer sino a divulgar y educar, dando a conocer los autores de reconocido valor mundial como Stefan Zweig. Uno de los méritos—todavía no suficientemente estimado—que el Esperanto posee, es ese de permitir saborear la obra literaria, como si la lectura fuese en el idioma original.**

**En el libro que nos ocupa, los señores Schwerin han hecho una traducción sencilla y fluída, que presta amenidad a su lectura; la edición cuidadosa complementa el buen regalo que «Brulanta Sekreto» ofrece para el esperantista y el bibliómano.**

**ERNESTO HURTADO**



### ANONCETOJ

**Ni akceptas anoncetojn kiuj rilatos al nia afero. Unu peseto au unu r-k. validas por du vortoj. Tri mallongigaj literoj valoras kiel unu vorto. Aparta tarifo por specialaj anoncoj.**

DR. E. TUDELA.—Ruzafa, 43. Valencia. Dez. koresp. kun ĉiulandanoj pri div. temoj. Respondo garantiata.

ANTONIO PASTOR. Ercilla, 49, 5.°, Bilbao (Hispanio). Dez. interŝ. il. pkt. eksterlande. Certa respondo.

La mejor manera de favorecer al Esperanto en España es inscribiéndose en HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

| | | | |
|---|---|---|---|
| Socio de número ... | 12 | ptas. | anuales |
| Socio abonado... ... | 25 | » | » |
| Socio protector... ... | 50 | » | » |

Las dos últimas categorías dan derecho a la recepción de nuestro Boletín.

**Los socios protectores recibirán DOS ejemplares**

### IMPORTANTE

**Todavía son bastantes los socios que no han pagado la cuota del año en curso; a todos ellos, sin embargo, les hemos mandado hasta hoy el Boletín por suponer que su deseo es seguir siendo abonados. Estos amigos deben comprender que necesitamos, para la realización de nuestros proyectos, contar con su aportación económica, que esperamos no se hará esperar, a fin de no tener que suspenderles el envío del periódico.**

### PARA NUESTRO BOLETIN

**2.ª lista de donativos (FEBRERO 1950)**

| | | |
|---|---|---|
| Suma anterior ... ... ... ... ... ... ... | 50 | Ptas. |
| Antonio Grau (Tabernes Valldigna). | 75 | » |
| Jesús Vidal (Lérida) ... ... ... ... ... | 5 | » |
| Ernesto Guillén (Valencia) ... ... ... | 10 | » |
| Federico Poveda (Valencia) ... ... ... | 15 | » |
| Juan Bosch (Valencia) ... ... ... ... | 10 | » |
| Sebastián Chaler (Tarrasa) ... ... ... | 25 | » |
| Juan Chaler (Tarrasa) ... ... ... ... | 15 | » |
| Francisco Poses (Tarrasa) ... ... ... | 10 | » |
| Total ... ... ... ... | 215 | » |

Kara Samideano! con un pequeño esfuerzo de todos, nuestro Boletín aparecerá de gala con frecuencia, y mejorará más y más en cada número. Depende de todos nosotros.